

# INTERNACIA FERVOJISTO

2004.6



*Svisa motorvagonaro elektra "Colibri"*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# 1909/2009

## *Baldaŭa centjariĝo de nia Federacio...*




La 7-an de septembro 1909, sub la impulso de la franca fervojisto A. Berlande, naskiĝis nia Federacio nomita tiam " Internacia Asocio de Esperantistaj Fervojistoj" (IAEF). Ekde tiam, multaj faktoj punktis la vivon de nia Federacio iĝinta nuna "IFEF" la 4-an de aŭgusto 1948.

Multajn eventojn, oni scias dank'al niaj historiaj libretoj. Ĝis nun tri dokumentoj raportas pri nia longdaŭra vivo. Ili titoliĝas "Historio de la Fervojista Esperanto-Movado 1908-1968", "Historio 1909-1984" kaj "Historio; Kompletiga Suplemento pri la jaroj 1984 - 1999".

Tamen, la vivo de la esperanta movado daŭras. Ĉiujare, novaj ŝanĝoj okazas. Nia Federacio vivas, evoluas. Ĉu ne estas tempo por verki novajn paĝojn de nia historio okaze de la baldaŭa centjariĝo de nia Federacio?

**Tiun ideon prezentis nia prezidanto Romano Bolognesi okaze de la lasta estrarkunveno en Predeal (Rumanio).**

***Do, ĉiu respondeculo de IFEF L.A. bonvolu rememori ĉiujn gravajn enlandajn okazaĵojn, raportu ilin, por ke, honore al nia centjariĝo, ni kune povu prepari novan kronikon de 1999 ĝis nun.***



**Enhavo**



# 57-a IFEF-KONGRESO EN BRAŞOV (RUMANIO) (7-14 de majo 2005)

Kongresadreso: 57-a IFEF-kongreso, RO-Braşov O.P1; C.P.71
tel/fakso: +40 268 320 504
Hejmpaĝo: ://http.REFA.home.ro
Retadreso: refa@home.ro
57ifk@brv.cfr.ro
Rodica.todor@pcnet.ro

**Atentu pri la nova konto de REFA**
Ekde nun ĝi estas:
(IBAN Internacia) **RO 69 BRDE 080 SV 04 373 250 800**

## BRAŞOV - SIBIU - RÂŞINARI

***La tuttaga eksurso okazonta la 11-an de majo gvidos nin de Braşov al Râşinari. tra la pitoreska urbo Sibiu Jen la detaloj***

La abunda kaj riĉa programo de la tuttaga ekskurso komenciĝos merkrede frumatene, post la matenmanĝo. Per bone ekipitaj busoj, ni veturos 150 km-ojn okcidenten de Braşov, trapasante belegan regionon de la "Lando de Fagaraŝi". Post la urbeto Codlea (Kodlea), kie troviĝas unu el la plej grandaj flordomoj de Rumanio, kiu eksportas florojn en la tutan mondon, la ŝoseo komencas serpenti tra pitoreskaj arbaroj ĝis Perŝani, malgranda banloko kun salaj akvoj. Oni alvenos poste al la urbo Făgărasi (Fagaraŝi), kie tre malnova fortikaĵo (konstruita komence de la XIV-a jarcento), restaŭrigita, atendas siajn vizitantojn.



Ni daŭrigos la vojon alproksimiĝante suden de la plej alta montaro inter la rumanaj Karpatoj, nome la Montoj Fagaraŝi (altaj je 2543 kaj 2535 m-oj, kie la neĝo neniam malaperas, kun pli ol 70 glaciaj lagoj, je la alteco de 900 - 2300 m-oj, entute enhavante 5 000 kubajn metrojn da akvo). Riĉaj en tre maloftaj specoj de floroj kaj sovaĝaj bestoj, tie troviĝas multaj protektitaj regionoj.

Se ni havus pli da tempo, certe ni ne bedaŭros se ni haltus ĉe la tre malnova, historia, riĉa je eksponejoj de sia muzeo, la Monaĥejo Sâmbăta. Sed la tempo flugas kaj ni devos alveni al Sibiu, la celo de nia vojaĝo. Maksimume post du hora veturado, ni atingos la urbon.

Ni komencos la vizitadon de la urbo proksime de la stacidomo, kun la "Fervojo-muzeo", funkcianta jam de 8 jaroj. Ĝi troviĝas ene de la Lokomotiva Deponejo Sibiu, subciele, kiel rifuĝejo por ĉiuj tipoj de lokomotivoj funkciintaj iam en Rumanio, utiligintaj karbon.

Oni devas mencii, ke la Rumana Fervoja Muzeo estas la tria post la fakaj fervojaj muzeoj troviĝantaj en Anglujo (en York) kaj muzeo funkcianta nun en la urbo Mulhouse (Francio). La muzeo enhavas 41 vaporlokomotivojn, 31 tipojn utilizitajn sur normala aŭ mallarĝa fervojo. La lokomotivoj funkciis dum la periodo 1885 -1990, estante

fabrikitaj far famaj firmaoj en Eŭropo kaj Ameriko. Samtempe, ene de la muzeo, troviĝas la sektoro kun fervojplugoj por forigi la neĝon troviĝantan sur la reloj dumvintre. Sperta ĉiĉerono donos al ni ĉiujn informojn.

Ni sciigas vin, ke la fervoja entrepreno posedas koloran albumon (en la franca, germana, angla kaj Esperanta lingvoj), enhavantan ĉiujn tiplokomotivojn troviĝantajn en la muzeo. La dezirantoj povas aĉeti ĝin kontraŭ 10 EŬR. Nia vizito daŭros eksplorante la centron de la urbo.

Sibiu estas distrikta "ĉefurbo" kaj havas pli ol 200 000 enloĝantojn. Ĝi situas ĉe la bordo de la rivereto Cibin (Ĉibin), 100 m-ojn alta super la marnivelo. Oni komencis konstrui la fortikaĵon en la 13-a jarcento, dum la tempo kiam aperis la unuaj metiistaj gildoj.

Dum la 15-a jarcento, la turka armeo minacis la urbon kaj ties ĉirkaŭaĵon. Post la foriro de la turka armeo, oni rekonstruis kaj plifortigis la fortikaĵon, utiligante por la muroj (unuafoje ĉe ni) la brikon, kiu anstataŭis la ŝtonon.

La urbo Sibiu fariĝis ĉefurbo de la Regiono Transilvanio du foje (1703 -1791 kaj 1849 -1865). En la centro de la urbo troviĝas la fama Muzeo Brukenthal, la plej malnova en Rumanio, fama en tuta Eŭropo. Ĝi enhavas cirkaŭ 100 000 objektojn en kolektaĵoj de mezepokaj antikvaĵoj, mebloj, skulptaĵoj, pentraĵoj, ktp.

Oni devas mencii, ke en Sibiu funkcias pluraj altlernejoj. Ĉi tie troviĝas Teologia, Filozofia, Medicina, Komerca, Turisma kaj Jura Fakultatoj (ĉirkaŭ 4 000 studentoj). En la Universitato agadas rondoj de esperantistoj; funkcias ekde la jaro 1990 la Sekcio de AIS (Akademio Internacia de Sciencoj), kie oni studas Esperanton.

La vidindaĵoj de Sibiu kapablus plenigi plurtagajn programojn por vizitantoj. La ĉirkaŭaĵoj de la urbo prezentas allogajn turismajn celojn, kiujn la ĉiĉerono montros al ni. Post la vizito de la katedraloj, preĝejoj, malnovaj pontoj kaj turoj apartenantaj al la fortikaĵo, la specialaj busoj transportos nin al la fama loko nomata "La Dumbrava - Sibiu", kie eleganta restoracio zorgos pri speciale rumana tagmanĝo, kun rumana mondfama vino. Post bona manĝaĵo, ni povos ripozi promenante tra la arbaro aŭ apud la lago, kie fiŝkaptistoj pruvas sian bonŝancon kaj turistoj boatsportas, vizitante la belegan bestĝardenon aŭ la "Muzeon de vilaĝo kaj popoltekniko". Tiu ĉi lasta prezentas, sur areo de pli ol 50 000 kvadrataj metroj, la plej karakterizajn mult-naciajn popol-konstruajn majstraĵojn : loĝdomojn, muelejojn, brandfarejon, sonorilejon, baskulputon, ktp. Tiu-ĉi muzeo, inaŭgurita la 17-an de oktobro 1967, okaze de la 150 datreveno de konstanta funkciado de la "Muzeo Brukenthal", kontribuas al la konado de la historio de la rumana popolo kaj konservado de la kultura kaj nacia heredaĵoj.


*Evangelia preĝejo en Sibiu*

Ni daŭrigos nian vojon per malnova, pitoreska tramo, trapasante la arbaron ĝis la malgranda, tipa vilaĝo Răsinari, kie bongusta vespermanĝo atendos nin.

Malfrue vespere, iomete lacaj sed, esperante, kun belegaj travivaĵoj, ni reveturos al Braşov.

******************

# PROTOKOLO DE LA KUNVENO « MOVADAJ AFEROJ »

en la 56a IFEF-kongreso en Sopron (HU) - 13.05.2004.

La Sk Bolognesi bonvenigas la partoprenantojn kaj rapide klarigas la celojn de la kunveno, kiu jam de jaroj intencas libere diskutigi traktante ne nepre fakajn temojn, sed ĝeneralajn primovadajn temojn ĝuste por interŝanĝi spertojn kaj doni/ricevi la plej lastajn utilajn informojn en la espero apliki ilin en la propra agado.

Martin Stuppnig (AT) proponas ne lasi la kolegojn de Serbio-Montenegro en isoliteco. Li memorigas pri la multaj okazoj, en kiuj, tiuj amikoj partoprenis kaj kunlaboris,

E.Hennjng Olsen (DK) tuŝas la tiklan temon de la disvastigagado de la Usona « kulturo »-lingvo. Li konsilas la verkon « Ĉu nur angla lingvo en Eŭropo? » de dana profesoro Robert Philipson en la UEA-Libroservo.

Sylviane Lafargue (FR) parolas pri la balotoj en FR por Eŭropo. Prezentiĝis kandidatoj de la listo "Eŭropo-Demokratio-Esperanto" en 8 regionoj.

Rolf Terjung (DE) informas, ke en DE ne eblis prezenti listojn pro ne sufiĉaj subskriboj. Devus esti minimume 4 000 el ili.

Ferenc Kapcsándi (HU) parolas pri ekzamenoj, reklamado, ĉefe al la junularo, aludante al la mult-ega materialo pri E-o trovebla en la reto. Li konstatis, ke nun, nur en la internaciaj horaroj en RO kaj YU aperas klarigoj en E-o. Bonŝance, en HU E-o aperas en telefonlibroj.

Jan Niemann (DK) pritraktas la uzadon de la paĝoj enkondukantaj la mallongigojn kaj simbolojn en la horarlibroj.

Gianfranco Tomba (IT) atentigas, ke Firenze estos la loko de la UEA-UK en 2006. Informoj estas atingeblaj perrete en la TTT-ejo <ukflorenco2006.it>.

Herlich Bodo (DE) anoncas sian intencon pri starigo de studcentro en privata domo kun arkivo je la nomo de Joachim Giessner. La celo estas plibonigi la lingvonivelon de la e-istoj. Li ankaŭ memorigas kaj invitas al la oktobraj manifestacioj por la 100-jariĝo de BSW. Li instigas al-menaŭ sendon de gratulleteroj aŭ bildkartoj.

*Bologna, 30.06.2004.*
*Protokolis:*
*Sk Romano BOLOGNESI*

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

## en la 56a IFEF - kongreso en Sopron (HU) 11.05.2004

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)

**1. Malfermo, konstato de mandatoj**

La Pr Bolognesi salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn.

Ĉeestas estraranoj: Pr Romano Bolognesi (IT)
Vp István Gulyás (HU)
Sk Marica Brletić (HR)
Ks Laurent Vignaud (FR)
Rd Jean Ripoche (FR)

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn:

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Martin STUPPNIG |
| Belgio | BE | Lucien DE SUTTER |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřích TOMIŠEK |
| Danio | DK | Jan NIEMANN |
| Francio | FR | Jean ROLLAND |
| | | Sylviane LAFARGUE |
| Germanio | DE | Rolf TERJUNG |
| | | Walter ULLMANN |
| Hispanio | ES | Marti GUERRERO |
| Hungario | HU | Alfonz MORÓ |
| Italio | IT | Vito TORNILLO |
| Kroatio | HR | Zlatko HINŠT |
| Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Rumanio | RO | Rodica TODOR |
| Slovakio | SK | Magdalena FEIFIČOVA |
| Svisio | CH | Ernst GLÄTTLI |

Ĉeestas 16 voĉdonrajtaj k-anoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas la salutleterojn de Hm s-ro Wim van Leeuwen.

La Vp legas la salutleterojn de s-roj Li Sen prezidanto kaj Han Zuwu vicprezidanto de la Ĉinia l.a.

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 55-a IFK – Dresden 2003 la 56a IFK-Sopron 2004. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace.

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskiĝdato | Mortdato | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Karl | ARBINGER | | | 100 | |
| | Erich | EICHINGER | | 13/10/2003 | 83 | |
| Belgio | Rene | DECAUSEMAKER | 06/08/1919 | 12/12/2003 | 84 | |
| Ĉeĥio | Jan | TOMAN | 02/12/1923 | 26/11/2003 | 80 | |
| Danio | Ib | SUNÆKER | 15/10/1936 | 05/07/2003 | 67 | |
| | Henning | HAUGE | 09/07/1935 | 07/08/2003 | 68 | Longjara Ks de IFEF kaj prezidanto de DEFA, ora medalo kaj Hm de FISAIC, Hm de IFEF |
| | Svend | ANDERSEN | 21/11/1920 | 04/02/2003 | 83 | |
| Francio | Augustine | SEBE | 1920 | 13/02/2003 | 83 | |
| | André | LHOMME | 1910 | 2003 | 93 | |
| | Madeleine | TOURTOIS | 1918 | 2003 | 85 | |
| | Pierre | MOUSSET | 1914 | 21/07/2003 | 89 | |
| | Paulette | BALACEY | 1921 | 08/01/2004 | 83 | |
| | Jacques | RÉAL | 1922 | 24/01/2004 | 82 | |
| | Louis | PANNIER | 1913 | 20/02/2004 | 91 | |
| | Denise | PIENNE | 1923 | 14/05/2003 | 80 | |
| Germanio | Alfred | COURT | 09/03/1914 | 13/05/2003 | 89 | |
| | Hans-Joachim | GIESSNER | 23/12/1913 | 23/11/2003 | 90 | Hp de IFEF, prez. de GEFA Hm de UEA + FISAIC |
| | Hella | LANKA | 10/02/1925 | 25/06/2003 | 78 | |
| Hungario | László | ZSENI | | | | |
| | László | RÁCZ | | | | |
| | Ferenc | HERVAI | | | | |
| | Lászlóné | HARANGI | | | | |
| Italio | Gaetano | GUBBIOLI | 28/12/1910 | 22/07/2003 | 93 | |
| | Vittorio | MALARODA | 1923 | 08/01/2003 | 80 | |
| Kroatio | Gordana | ŠTRLjIĆ | 05/04/1935 | 22/07/2003 | 68 | |
| Norvegio | Miriam | BERGH | | | | edzino de pr. Rolf Bergh |
| Slovakio | Vladimir | NEMEC | 1941 | 06/05/2004 | 63 | |
| Svisio | Charlotte | ECKLIN | 1926 | 19/09/2003 | 77 | |

**4. Estraranaj raportoj**
4.1. Sekretario (IF 2004.2 paĝoj 22 kaj 23)
Unuanime aprobita.
4.2. Redaktoro (IF 2004.2. paĝo 18)
La Vp informas pri la reduktado da presotaj IF (estonte 1000 ekzempleroj).
Unuanime aprobita.
4.3. Kasisto (IF 2004.2. paĝo 25)
Unuanime aprobita.
**5. Protokolo Dresden (DE)**
(IF 2003.6. paĝoj 87-90)
Unuanime aprobita.
**6. Raporto de la ĉefkomitatano**
Laŭ sugestoj de la e-o, la Ĉk prilaboris cirkuleron kun aktualaj informoj (elekto de la estraranoj ktp.) kaj reduktitan demandilon por jarraportoj pri la jaro 2003. Ĝi estis sendita al la IFEF-estraranoj kaj al l. a. de IFEF por plu distribui al la unuopaj komitatanoj. Krome, estis informitaj kontaktuloj en tiuj landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan l.a., ekzemple Pollando, Nederlando, Svedio, Finnlando kaj Estonio. Sume, venis jarraportoj el 19 l.a..
Venis unu kongrespropono fare de DEFA kaj tri proponoj por honorigi longjarajn aktivulojn de IFEF. Ĉiuj proponoj estis pritraktitaj de la estraro.
La Ĉk partoprenis du laborkunsidojn de la e-o, la aŭtunan dum septembro 2003 en Sopron kaj la printempan en Quiberon (FR).
La Ĉk, krome strebis kaj daŭre strebas kontakti la individuajn membrojn kaj kontaktulojn en landoj, kie nuntempe ekzistas nek l.a., nek individuaj membroj de IFEF, cele al plibonigi la kunlaboron, varbi novajn membrojn, eventuale fondi aŭ refondi tie landan asocion de IFEF. La tasko daŭras kaj la Ĉk volonte akceptos sugestojn kaj helpon.
La raporto estis unuanime aprobita.
**7. Kongrespropono(j)**
7.1. S-ro Niemann klarigas, ke DEFA retiras la kongresproponon, kiel statutŝanĝa kongrespropono kaj ne proponas voĉdonadon ĉar la Statuto /§20,3)c)+e)/ jam ĝenerale entenas la menciitan taskon. S-ro Niemann proponas voĉdoni nur pri la enhavo de la propono.
La propono de DEFA: «Informoj al la landaj FISAIC-sekcioj pri venontaj IFEF-kongresoj», signifas ke IFEF-estraro komuniku al la landaj FISAIC-sekcioj pri venontaj IFEF-kongresoj tuj post la decido pri loko kaj dato, kaj ke tion oni faru en la 3 FISAIC-lingvoj (franca, germana kaj Esperanto). La informo tiel estu sendata ne nur al la FISAIC-sekretariejo, sed ankaŭ al ĉiuj landaj FISAIC-sekcioj kaj kopie al la komitatanoj.
La propono estis unuanime aprobita.
7.2. Elekto de la estraranoj
En la jaro 2004 finiĝas la trijara elekto-periodo de la estraranoj. Ne venis propono pri kandidatiĝo kaj laŭstatute, la nunaj estraranoj reelekteblas.
Laŭ la Statuto § 18 okazas balotado.
La ĉefkomitatano Tomíšek kun tri helpantoj - Rodica Todor, Denise Happi-Fosso kaj Walter Ullmann - kiel elekto-komisiono aranĝas sekretan elekton. Ĉiuj estraranoj estas reelektitaj kun jenaj rezultoj :

| tasko | kandidato | por | kontraŭ | sindeteno |
|---|---|---|---|---|
| Pr | R. Bolognesi | 15 | 0 | 0 |
| Vp | István Gulyás | 13 | 0 | 2 |
| Sk | Marica Brletić | 15 | 0 | 0 |
| Rd | Jean Ripoche | 14 | 0 | 1 |
| Ks | Laurent Vignaud | 15 | 0 | 0 |

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
8.1. Gvidanto
S-ro Niemann prezentas la sekretariojn de la komisionoj kiuj raportas.
8.2. S-ro Kovář raportas nome de la Fake Aplika Sekcio (FAS).
Dum la pasinta jaro, E-fervojista faka movado perdis gravajn personojn: s-ojn Giessner kaj Hauge, kies meritoj sur tiu kampo ne estas eble sufiĉe respondece pritaksitaj.
La Komisiono ne eldonis novan Fervojfakan Kajeron (n-ro 12) ĉar mankis la materialo.

La faka programo dum UK en Ĉinio ne ankoraŭ estas certigita.
S-ro Kovář anoncas ĉefan fakprelegon de s-ro Fritz Tschom: «Interŝtata Fervojo GYSEV-ROEE (Raab-Odenburg-Ebenfurther Eisenbahn AG)», kiun okazigos s-ro Sontag, pro neĉeesto de la aŭtoro. Ankaŭ, estas anoncitaj 7 fakprelegetoj kun prelegontoj el 5 landoj.
8.3. S-ro Hoffmann raportas nome de la Terminara Sekcio (TS).
Okazas paŭzo de terminologia laboro ĉe Internacia Fervojunio UIC. En la datumbanko de UIC unu - ĝis dumil difinoj (ne terminoj!) atendas tradukon en aliajn lingvojn, ankaŭ en Esperanton. Dum la lastaj monatoj, multaj gekolegoj en Francio, Germanio, Italio kaj Rumanio partoprenis tiun traduklaboron. La rezulto estas: pli ol 300 tradukitaj difinoj. La kunagintoj meritas nian sinceran dankon. Tamen tiu kvanto estas nur parto (takse sesono) de la tuta amplekso. Do, certas sufiĉe da laboro por la sekvaj jaroj. Koncerne kvaliton, s-ro Hoffmann konstatis, ke multaj nacilingvaj difinoj ne respondas al la terminologiaj reguloj de difinado. Tiukaze, li modifis la vortigon, sen ŝanĝi nociajn karakterizaĵojn. Tiel estiĝis pli klaraj tekstoj.
Kio nun okazos koncerne la difinojn? Li ofertas, ke ĉiu, kiu disponas komputilon kaj deziras ricevi la difinojn, bonvolu informi lin, por ke li sendu - aŭ rete aŭ en disketo per normala poŝto - listojn laŭ la aktuala laborrezulto. Li eĉ kuraĝas instigi laboremulojn, kiuj deziras helpi sialandan fervojan entreprenon traduki difinojn el Esperanto en la nacian lingvon tie, kie troviĝas truoj en la nacia enhavo de la datumbanko. Tradukoj el nia lingvo estas pli rekomendindaj, ol tradukoj el la angla, franca aŭ germana versio, ĉar Esperanto-versio - kiel jam menciite - estas prilaborita laŭ difinado-reguloj.
Okazas voĉdonado por ambaŭ raportoj de FK : unuanime aprobitaj.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

9.1. Skisemajno (IFES) 2004
S-ro Peyrouty informas pri la 45a IFES okazinta de la 14a ĝis la 21a de januaro 2004 en Argentière (FR). Partoprenis 46 personoj el 9 landoj.
Li ankaŭ informas, ke li eble rezignos ĉeesti estontajn IFES-ojn (pro familiaj kialoj).
La Pr. Bolognesi sugestas, ke s-ro Peyrouty restu la gvidanto de IFES.

Unuanime aprobita.

9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
Nome de la gvidanto S-ro Dan Dragos ALDEA, s-ino Rodica Todor legas la raporton, kiu estas unuanime aprobita.
9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
La Vp István Gulyás raportas pri la UK de Göteborg (SE) kiun partoprenis ĉirkaŭ 2000 personoj el 67 landoj.
Kontaktkunveno okazis : ĝin partoprenis 40 gekongresanoj. La Vp parolis pri IFEF-agado, pri la estonta IFEF-kongreso, precipe pri tiu en Ĉinio.

Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj pri 2003 el la landaj asocioj**

La Vp resumas la raportojn. La teksto aperos en IF.

Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

La Vp informas, ke en Slovenio kaj kelkaj aliaj landoj por la l.a. laboras nur kelkaj anoj kaj la estonto de la asocioj estas nekonata.
La Pr informas, ke la Svisa l.a. malfondiĝos fine de la jaro 2004.S-ro Glättli informas pli detale pri la decido de SAEF, kiu dum la jarkunveno, la 3an de aprilo 2004, decidis malfondi la asocion post multaj, senrezultaj iniciatoj trovi novajn kaj pli junajn posteulojn inter fervojistoj, kiuj povus daŭrigi la laboron de nuna maljuniĝanta estraro.

**12. Buĝeto por 2005 kaj kotizkonfirmo**
Propono de la buĝeto por 2005 aperis en IF 2004.2.
La Ks petas korekti la supron de la tabelo erare aperitan "2004" kiu devus esti 2005.
La Ks proponas, ke la kotizo restu la sama: 7 eŭroj.
Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj**
13.1. UEA
La Vp informas, ke en Centra Oficejo de UEA estas elektita nova direktoro Osmo Buller.
La Vp planas okazigi, dum la UK 2004 en Pekino, fervojistan kontaktkunvenon.
Almenaŭ 6 IFEF-anoj ĉeestos tiun kongreson.
En 2005 la UK okazos en Vilnius (LT)
En 2006, ĝi okazos en Firenze (IT) : la Pr eĉ kontaktiĝis kun LKK
13.2. FISAIC
S-ro Georges Wallerand kaj Nathalie Bayard parolas pri:
1) Organizado de IFK 2006 fare de Ĉinio.
Li precizigas, ke nur la landoj membroj de FISAIC rajtas organizi aranĝojn enskribitajn en la oficiala FISAIC-kalendaro pri aranĝoj.
Post longa debato, la FISAIC prezidantaro sugestis permesi, escepte, ke Ĉinio aranĝu la kongreson sen ankoraŭ esti membro de FISAIC. La fina decido apartenas al la ĝenerala kunveno de FISAIC, kiu, oktobre, kunvenos en Žilina (SK). Se tie, tiam, ĝi ne akceptos, s-ro Wallerand proponos al la estraro de UAICF ke Francio anstataŭu Ĉinion kaj aranĝu la kongreson de IFEF en 2006. La ĉefa afero estas, ke daŭru la jaraj kongresoj de IFEF.
2) La loko de Esperanto en FISAIC
En 2001, pluraj landoj postulis, ke la angla iĝu la tria oficiala lingvo de FISAIC.
Malfacila debato okazis kaj rezultis, ke restas du oficialaj lingvoj ĉe FISAIC : la franca kaj la germana, sed la protokoloj aperas ankaŭ en la angla kaj en Esperanto.
3) Informado pere de la TTT-ejo de FISAIC.
La retpaĝaro de FISAIC (http://www.uaicf.asso.fr/fisaic.htm) prezentas trilingve (france, germane kaj angle) la internaciajn kulturajn aktivaĵojn : adresojn, aranĝojn, teknikajn reglamentojn, ktp. Tiu retejo estas uzata meznombre de 80 000 vizitantoj monate! FISAIC proponas senpagan uzadon de tiu retloko.
Tiel, Interreto ebligas al ĉiuj disponi pri la bezonataj informoj. Pri IFEF, la ĝenerala sekretario de FISAIC proponas relajsi la informojn pri la kongresoj, programoj, aliĝkondiĉoj,... Akcepto-paĝo en Esperanto estos kreita.
La Pr dankas nome de IFEF.

**14. Venontaj kongresoj**
14.1. Konfirmo de invito al la 57-a IFK (RO) en 2005.
S-ino Rodica Todor oficiale invitas en la urbo Braşov, de la 7a ĝis la 14a de majo 2005 kaj al la prezentado de la invitlando.
Unuanime aprobita.
14.2. Elekto de lando por 2006, la 58-a IFK
Anoncis sin Ĉinio kaj Francio.
Unuanime aprobitaj.
14.3. Diskuto pri pluaj eblecoj
Se Ĉinio organizos IFK en 2006, Francio anoncas sin por 2007.

**15. Venontaj IFES en 2005 kaj 2006**
S-ro Marti Guerrero invitas en La Molina (ES) en Katalunaj Pireneoj de la 23a ĝis la 28-a de januaro 2005.
Por 2006 anoncas sin Bulgario.

**16. Eventualaĵoj**
La Pr petas de la komitato la rajton agi laŭ la Statuto, Ĝenerala Regularo 8.c).
La k-o delegas la e-on pri la honorigoj por la venonta trijara periodo.
La Pr vokas kaj instigas kongresanojn, ke ili aldonu kaj kontribuu al la apero de suplemento al la IFEF-historio.

**.17. Libera diskutado**
Jan Niemann informas pri, ĉe li aĉeteblaj Fervojo-Fakaj Kajeroj.

Zagreb, la 5an de julio 2004
*Protokolis la Sk Marica BRLETIĆ*

# Ekspozicio en Valtice

En la Nacia Agrikultura MUZEO. sekcio ĝardenista kaj vivmedia en Valtice, kie direktoras nia IFEF-membro s-ano Jaroslav Pokornỳ, sabate. la 7-an de aŭgusto 2OO4 estis solene inaŭgurita ekspozicio "Esperanto - lingvo de amikeco kaj kunlaboro".




Partoprenis 42 homoj. inter ili reprezentanto de Ĉeĥa L.A de IFEF kaj de FISAIC.

Post enkondukaj vortoj pri Esperanto, la partoprenantoj estis invititaj al manĝeto kaj trinketo de bongustaj lokaj vinoj. sed ĉefe al la ekspozicio mem.

Ĝi troviĝis en unu granda ĉambro kun vitritaj ŝrankoj en la mezo, en kiuj estis prezentitaj ĉefe esperantlingvaj libroj kaj lernolibroj.

Ĉe la muroj staris tabletoj kun supraj vitrotabuloj,. sub kiuj estis videblaj ekz libroj de Zamenhof, Esperanto-poŝtmarkoj, insignoj k.s.

Ankaŭ la muroi mem estis plenaj je informoj pri la lingvo kaj ties movado. Du el surmuraj tabeloj estis dediĉitaj al informoj pri nia IFEF kaj Ceĥa LA de IFEF. La lasta tabelo estis dediĉita al informoj komparo inter la angla kaj Esperanto.

Sur unu el la tabloj, la vitro mankis, sekve la vizitantoj povis elpreni la enmetitajn materialojn, kaj foliumis ilin. La ĉeĥaj helpantoj estis ĈEA, Ĉeĥa LA de IFEF kaj ĉeĥa lingvistiko Inĝ. Jan Werner,

La ekspozicio, tieĉi, restis ĝis la fino de aŭgusto, ĝin vizitis kelkcent vizitantoj inter ili pli ol tridek eksterlandaj, unu eĉ el Aŭstralio.

*Aŭtoro kaj fotanto : J. Tomíšek*

---

*Iom por ridi*

## Hejma konflikto

La junaj geedzoj havis konflikton hejme kaj poste, dum la aŭtoveturado, ili ambaŭ obstine silentis. Preterpasante aron da azenoj, la edzo diris moke:

- Ĉu viaj parencoj?

La edzino:

- Jes, boparencoj.

************

# Renkontiĝo dum la UK en Beijing

Dum la 89-a UK en Beijing en Ĉinio, ĉinaj fervojistoj havis bonan ŝancon renkontiĝi kaj amikiĝi kun nia IFEF-vicprezidanto inĝ.István Gulyás, kun kiu, multfoje, mi kontaktiĝis rete kaj poŝte kaj kun diverslandaj kolegoj, ekz. s-ro Heinz Schindler, s-ro Leopold Patek, s-ino Sylviane Lafargue kaj aliaj, kiuj multe helpas ĉinajn fervojistojn.

Laŭ mia unua vido, s-ro István Gulyás estas afabla, energia, kapabla kaj sperta. Krom nia unua renkontiĝo en la renkontkunveno de fervojistoj dum la UK en la Internacia konferenca centro de Beijing; kune kun s-ro Li Sen, prezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, mi



*Donaco de ĈFEA al IFEF*
*De maldekstre: Li Sen, Istvan Gulyás, Han Zuwu*



vizitis gesinjorojn Gulyás en la ĉambro de la Hotelo Catic, kie ili loĝis apud la kongresejo. Tie, ni havis harmonian, fruktodonan diskutadon pri la detaloj de la prepara laboro por la 58-a IFEF-kongreso okazonta en Ĉinio en 2006: la konfirmilo de la kongresa urbo, aliĝiloj por la kongreso kaj postkongreso, invitilo, preciza programo kaj aliaj aranĝoj. Laŭ la plano, s-ro István Gulyás vizitis la kongresejon kaj hotelon por la kongreso dum sia vizito al la kongresurbo Shanghai.

Ĉinaj fervojistoj klopodos fari esploradon pri la ebleco realigi la ekspresan trajnan vojaĝon" Eŭropo -Azio", fari la enhavoplenan programon kaj valorajn ekskursojn dum kaj post la kongreso, por kontentigi ĉiujn. ĈFEA sendos la reprezentantojn al Braşov en Rumanio por esplori kaj lerni la spertojn de la kongresa aranĝo.

Ni kredas, ke ĉinaj fervojistoj sukcesigos la IFEF-kongreson en 2006 en Ĉinio dank'al la helpo kaj zorgo de IFEF, FISAIC kaj de diverslandaj kolegoj.

*Han Zuwu*
*vicprezidanto de la*
*Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

# Printempa konferenco en Ĉeĥio

De la 4-a ĝis la 6-a de junio 2004 okazis Printempa konferenco de la Ĉeĥa landa asocio de IFEF en ĉeĥa Silezio, en nordmoravia landlima urbo Krnov.

Partoprenis gastoj el Germanio kaj Slovakio. Malgraŭ invitoj, ne venis gastoj el najbara Pollando, kvankam la urbo Krnov situas proksime de la pola lando kaj estas bone atingebla per fervojo kaj ŝoseo.

Partoprenantoj tranoktis en la Junulara Hejmo de la Faka Mezlernejo por trafiko kaj turismo, kie fakte ankaŭ okazis nia konferenco. Interese por ni estis la fakto, ke sur la konstruaĵo de nia tranoktadejo, troviĝas memortabuleto anoncanta, ke tie ĉi en la jaroj 1872-3 loĝis inĝ.František Křižik, kiu proponis sian unuan eltrovon - la elektran fervoj-signalilon.

En labora parto de la konferenco gvidata de la vicprezidanto Ladislav Láni, la prezidanto de FS ČEA, Jindřich Tomíšek tralegis alvenintajn salutleterojn; sekvis salutvortoj de la eksterlandaj gastoj.

Poste, la prezidanto prezentis al la ĉeestantoj raporton pri la disvastiĝo kaj nuna stato de FS ČEA, sed precipe li vaste raportis pri la okazinta 56a IFEF-kongreso en Šopron kaj pri partopreno de la ĉeĥa delegacio en la programo de la kongreso.

Sabate, okazis tuttaga ekskurso.

Unue, oni veturis per trajno al Třemešná ve Slezsku, de kie oni pluveturis per nura etŝpura fervoja linio en moravia Silezio al Osoblaha.

La etŝpura fervoja linio kun ŝpuro de 760 mm regule trafikas ekde 14.12.1898, do ĝi aĝas preskaŭ 106 jarojn.

Dum la veturado kun kelkaj haltoj, oni estis informitaj pri la fervojo kaj spektis la ĉarman pejzaĝon de tiu ĉi apudlima regiono.

Promenante tra Osoblaha sub gvido de Ladislav Láni, oni vizitis historian centron de la urbeto, restaĵojn de la urbomuregoj kaj judan tombejon kun tombaj monumentoj precipe el la 17a jarcento.

Post bongusta tagmanĝo, oni transiris landlimon por viziti parton de la apudlima pola regiono.

Post reveno vespere, okazis dua parto de la konferenco, dum kiu oni raportis pri agado de la komisionoj kaj kunlaboro kun FISAIC kaj diversaj, precipe fervojaj instancoj.

Membro Jaroslav Pokorný, direktoro de la Urba muzeo en sudmoravia Valtice, preparas ekspozicion pri Esperanto. La solena inaŭguro okazos la 7-an de aŭgusto 2004, je la 13a horo. Li petis materialojn kaj kunlaboron.

Oni iniciatis kaj plenumis ilustritan itineron en Esperanto tra la plej granda Fervoja muzeo de Ĉeĥaj Fervojoj en Lužná u Rakovníka, E-resumon de la ilustrita faklibro pri Muzea ekspoziciejo de komunikado kaj sekureca tekniko de la Ĉeĥaj Fervojoj en orientbohemia Hradec Králové.

Kunlabore kun FISAIC - sekcio Filmo kaj Video - oni preparas esperantigon de kelkaj videofilmoj. La unua estas la videofilmo pri Centjariĝo de la fervoja linio Tábor - Bechyně, por ĉiam kunligita kun la nomo de inĝ.František Křížík. Tiu fervojo kun elektra trakciado estis konstruita kiel unua de sia speco en la tiama imperio Austrio-Hungario .

Oni ĉi tie uzis originan sistemon en elektrizado de la fervojo, kiun oni nelonge pli poste uzis ankaŭ en Austrio, Francio, Italio, Ameriko kaj en aliaj landoj.

Sekvo en paĝo 96

# Jarkunveno en Rumanio

Rumana Esperanta Fervojista Asocio / REFA/ organizis de la 17-a ĝis 19-a de septembro 2004 en la fama banloko kaj montara feriocentro Predeal /25 km-ojn distanca de Braşov/, en la Valo de Prahovo sian 14-an Jarkunvenon. Laŭ invito, kiel gastoj, partoprenis la tuta estraro de IFEF, reprezent-antoj de Fervoja_Ministerio kaj fervojaj instancoj de la gastiganta urbo Predeal, ne mankis reprezentantoj de la urbo Braşov kiel gastigonto de la venonta IFK, de Rumana E-Asocio, Rumana Sekcio de ILEI kaj gastoj el Ĉeĥio.



*Kantensemblo "La Musica" dum prezentado*

Dum laborkunsido solene malfermita de la REFA prezidantino Rodica TODOR kaj post salutparoloj de ĉiuj honoraj gastoj, sekvis raporto pri riĉa kaj multflanka agado de REFA inter la 13-a kaj 14-a jarkunvenoj, pri partopreno de la rumanaj fervojistaj kolegoj en la IFK en Sopron. Tie oni oficiale aprobis organizadon de la venonta 57-a IFEF kongreso en Braşov kaj la provizoran programon de la kongreso. Oni estis informitaj ankaŭ pri aliaj aranĝoj, bona kunlaboro kun fervojistaj, sindikataj kaj diversaj E-0rganizoj, organizado de lingvokursoj, tre bona kunlaborado kun la amaskomunikiloj, pri eldono de la dulingva informrica bulteno Rumana Fervojisto kaj alia agado de REFA.

Menciinda estas la fakto, ke la plej grava celo por REFA estas bone labori en la proksima estonto por la preparo de la IFEF-kongreso en Braşov en 2005. Fakte, la inform-materialoj, la altnivele kaj bele aranĝitaj invitiloj, la kontraktoj kun la instancoj, kiuj helpos aŭ gastigos la kongreson / inkluzive la ceterajn prezojn / jam estis preparitaj kaj prezentitaj en Sopron.

Dum la laborkunsido, oni ankaŭ elektis la novan komitaton de REFA por la periodo 2004-2007.

Unuanime elektitaj estis:

Rodica TODOR Prezidanto
Rodica GIUHAT Vicprezidanto - respondeculo pri faka agado
Constantin MARCU Vicprezidanto - respondeculo pri instruado
Emil TUDORACHE Respondeculo pri Terminara Sekcio
Felicia GORAN Sekretario
Rusalca BUTUG Respondeculo pri junulara agado
Bucretia MIJA kasisto
Alexandru PALTINEANU Ĉefredaktoro de "Rumana Fervojisto"
Mircea BALAJ Respondeculo pri la rilatoj kun sindikatoj kaj aliaj asocioj.

La nomoj de la elektitoj kun jam pli

frue starigita LKK, garantias, ke oni zorge kaj bone prépa-ras la venontan IFEF kongre-son en 2005 en Braşov.

Sabate posttagmeze, oni per speciala buso aranĝis interesan ekskurson al la fortikaĵo Prejmer proksime de Braşov, kiu apartenas al la heredaĵo de UNESCO. La bela kaj suna vetero ankaŭ favoris la montaran ekskurson al la kabano "Tri Abioj" kaj piedpromenadon en la proksima ĉirkaŭa regiono.



*Partoprenantoj de la Jarkunveno dum la ekskurso al Prejmer*

Oni tamen ne povas ne mencii ankaŭ altnivelan kaj ege plaĉan prezentadon de la kultura programo en plenumo de la kantensemblo "La Musica" de la Kulturdomo de Braşov en naciaj popolkostumoj / oni ankaŭ kantis en Esperanto/, kiu certe ankaŭ plezurigos la partoprenantojn de la IFK en Braşov.

Laŭ invito de REFA post la Jarkunveno okazis en Predeal ankaŭ Aŭtuna estrarkunveno de IFEF en la tagoj 18-21.09.2004. Oni pritraktis kaj aprobkonfirmis protokolojn de la 56-a IFK en Sopron, informiĝis kaj pritraktis preparlaborojn de la 57a IFK en Braşov, organizajn, financajn kaj redakciajn aferojn de IFEF, agadplanon kaj ties plenumadon, situacion en kelkaj landoj kaj eksterajn rilatojn al UEA kaj FISAIC.

Kun la LKK prezidantino Rodica TODOR, oni vizitis laŭ invito de la direktoro, Fervojan Direkcion, la filion en Braşov; poste oni vizitis la urbocentron de la kongresurbo kaj surloke interkonatiĝis kun la kongresejo kaj ĉiuj proponataj hoteloj, Universitata Aŭlo, kie okazos la inaŭguro kaj solena fermo de la kongreso, akceptejon ene de la hotelo Capitol, Kulturdomon kaj ĉiujn salonojn, kie okazos programeroj de la kongreso. Oni trovis ĉiujn proponataj hotelojn kaj kongreslokojn puraj kaj tute konvenaj por aranĝo de la IFK en 2005, ankaŭ la plej bongustaj menuoj de la rumana kuirejo gajnis ĉies aprezon.

Nia konsilo estas, forĵetu do ĉiujn viajn antaŭjuĝojn kunligitajn kun via partopreno kaj ne hezitu aliĝi kaj partopreni nian venontan IFK en Braşov. La entuziasmo kaj klopodo de niaj rumanaj gekolegoj el LKK kaj iliaj plurnombraj gehelpantoj ja meritas tion!

Vi certe estos kontentaj pri via partopreno kaj pri via vizito en Rumanio.

*Verkis kaj fotis*
*Jindřich Tomíšek, Ĉk*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
56-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Redaktoro:** Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
"Jeanripoche@wanadoo.fr"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"Laurent.Vignaud@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2004.047

**Faka komisiono**
GV: Jan Nieman:
"esperanto@mail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"IFEF.B90Gr-mei@-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz"

Sekvo de paĝo 93

Poste, oni projekciis la menciitan videofilmon.

Al la ĉeestantoj ankaŭ estis projekciita videofilmo en Esperanto kun interesa parto de tuttaga ekskurso per la fervoja linio Tábor - Bechyně okaze de la 53-a IFEF-kongreso 2001 en Tábor.

Dimanĉe antaŭtagmeze, sub gvido de Ladislav Láni, oni vizitis historian parton de la urbo Krnov kaj per tagmanĝo finiĝis la sukcesa konferenco.

La aŭtunan jarkonferencon de FS de ČEA oni planas organizi de la tagoj 22-a ĝis 24-a de oktobro 2004 en la sudbohemia urbeto České Velenice kun interesa programo kaj vizito de najbara Aŭstrio; oni do supozas plinombran partoprenon de eksterlandaj gastoj, precipe el Aŭstrio kaj Germanio.

*Jindřich Tomíšek*

## Nova faklibro kun resumo en Esperanto

Konstanta muzea ekspozicio de komunikada kaj sekureca tekniko en Hradec Králové sub patronado de Ĉeĥaj Fervojoj eldonis en la jaro 2003 interesan, riĉe ilustritan kaj plaĉe binditan gvidlibron verkitan de inĝ. Ivo Láníček kun titolo "Muzejni expozice sdělovací a zabezpečovací techniky Hradec Králové Průvodce." La 152-paĝa libro estas gvidilo tra la plej longdaŭra kaj, en meza Eŭropo, unika kolekto de fervoja telekomunikada, sekureca tekniko kaj teknika dokumentaro. La libro enhavas kvarpaĝajn resumojn en la lingvoj ne nur angla, germana kaj rusa, sed ankaŭ en Esperanto.

*Jindřich Tomíšek*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, Bl 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com



*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*